# Esperanto en Azio

(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)

N-ro 69
Bulteno de KAEM
Oktobro 2010




-----------------------------------------------------------------

## Vjetnamio Invitas Vin al la 29a Komuna Seminario

Ĉi-jare Vjetnama Esperantista Junulara Organizo (VEJO) unuafoje organizos KS-on en Hanojo, kiu estas grava evento de junularo en Azio, precipe de vjetnama junularo! Ni elkore invitas vin ĉiujn partopreni en KS-29 kaj ni esperas, ke ĝi estos via bela memoro!

Nguyen Hoang Yen (prezidantino de VEJO)
<keanu_magdark@yahoo.com>

Ni elkore invitas vin al la Komuna Seminario, kiu okazos inter la 18a kaj la 20a de decembro 2010 en Hanojo - ĉefurbo de Vjetnamio. Ankaŭ tie ĉi okazos Universala Kongreso de Esperanto en la jaro 2012. Vizitante Hanojon, vi povos ne nur partopreni en la Komuna Seminario, sed ankaŭ ekskursi, viziti vidindaĵojn de Hanojo, en semajnfino vi povos viziti noktan bazaron en la centra malnova urbo aŭ spekti surakvan pupteatron, fari pliajn aliajn aferojn. Baldaŭ decembro venos, do decidu kaj aliĝu, ni atendas vin, kaj ni kredas ke vi ne bedaŭros vian decidon.

Phượng nguyễn <au.ag.phuong@gmail.com>

# Programo de la 29a KS

**La 18an de decembro 2010**

14:00 – 16:00 Akceptado kaj informado
16:15 – 17:30 Klaso de la vjetnama kulturo
18:00 – 19:30 Vespermanĝo
20:00 – 22:30 Interkona Vespero:
mod-parado (prezentado de tradiciaj vestaĵoj)
interŝanĝo de donacoj, amasludoj

**La 19an de decembro**

7:30 – 8:30 Matenmanĝo
9:00 – 10:00 Inaŭgura Malfermo
Renkontiĝo inter Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj, Vjetnama Esperanto-Asocio kaj partoprenantoj.
10:00 – 11:15 Raporto de Esperanto-movado
11:30 – 12:30 Tagmanĝo
13:30 – 15:00 Diskutado de la ĉefa temo "Komunikiloj inter junaj esperantistoj"
15:15 – 16:15 Koncerto per diverslandaj tradiciaj muzikiloj de s-ro Hori Jasuo (Japanio)
16:15 – 17:15 Vestaĵoj faritaj de Fuĵimori Koohei (Japanio)
17:15 – 18:00 Klaso de klubo Yumeiho – kiel zorgi pri la sano (senmedikamenta resaniga metodo)
18:15 – 19:30 Vespermanĝo
20:00 – 22:30 Promenado per tramo ĉirkaŭ la antikva kvartalo
Vizitado al nokta bazaro

**La 20an de decembro**

7:30 – 8:30 Matenmanĝo
9:00 – 11:30 Vizitado al la Muzeo de Hanojo
12:00 – 13:00 Tagmanĝo
14:00 – 15:00 Fermo
15:30 – 17:00 Ĝis revido

**ALIĜILO**

La 29-a Komuna Seminario 18 – 20.12.2010 en Hanojo, Vjetnamio

1. Nomo:
2. Naskiĝdato:
3. Sekso: Viro/Virino *(bv. rondigi)*
4. Lando, Adreso:
5. Retadreso:
6. Telefonnumero:
7. Vegetarano: Jes / Ne *(bv. rondigi)*
8. Kotizo: A B C *(bv. rondigi)*

| | | |
|---|---|---|
| Japanio, Koreio kaj aliaj landoj | 2,500,000 VND | A |
| Ĉinio, studentoj de Japanio kaj Koreio | 2,300,000 VND | B |
| Vjetnamio kaj Sud-aziaj landoj | 2,000,000 VND | C |

(La kotizo inkluzivas manĝadon kaj loĝadon por 2 noktoj kaj turismoj)

*Vi povas pagi la kotizon al la konto: 0011370320131 Banko: VIETCOMBANK - OPERATION CENTER, HANOI, VIETNAM (Bank For Foreign Trade of Vietnam-Operation Center) CIF kodo: 0169843 Swift-kodo: BFTVVNVX-001

HOI QUOC TE NGU ESPERANTO VIET NAM (Vjetnama Esperanto-Asocio)

*Ankaŭ vi povas pagi surloke, sed unue, bonvolu sendi al VEJO vian aliĝilon.

Dato Subskribo

## Japanio

# La 97a Japana Esperanto-Kongreso

La 97a Japana Esperanto-Kongreso okazis la 9an-11an de oktobro en la urbo Nagasako en la suda insulo Kjuuŝuu. Al ĝi aliĝis 396 homoj, el kiuj efektive partoprenis 191. La kongresa temo estis "Esperanto ŝanĝas la mondon, ankaŭ vin!"




Nagasako estas konata kiel la dua atombombita urbo post Hiroŝimo la 9an de aŭgusto 1945. En tiu katastrofo momente pereis pli ol 70000 homoj, kaj la vunditoj suferadas pro la radioaktiveco dum la postaj jaroj. Laŭ la urbo ĝis nun entute pli ol 140000 homoj mortis pro la kruela atombombo.

Nagasako havas alian trajton. Ekde la komenco de la 17a jarcento ĝis la mezo de la 19a jarcento Japanio estis fermata al la ekstera mondo kaj nur koreoj, ĉinoj kaj nederlandanoj estis permesitaj eniri en Japanion tra Nagasako. Tial en la urbo restas multaj tiamaj memoraĵoj kaj loĝas multaj kristanoj. Nagasako estas tre unika turisma urbo en Japanio.

Por Esperanto la urbo havas specialan signifon: ĝi estas naskiĝurbo de japana Esperanto-movado. Alphonse Mistler (1873-1953), franca pastro kaj instruisto, venis al Nagasako en 1893 kaj skribis pri Esperanto en la anglalingva gazeto Nagasaki Press. Li instruis Esperanton en Mezlernejo Kaisei, kie li laboris. Tio estis la unua instruado de Esperanto en Japanio.

Nu, en tiu kulturriĉa urbo Nagasako okazis ĉi-jara la 97a Japana Esperanto-Kongreso. Posttagmeze la 9an de oktobro jam komenciĝis fakaj kunsidoj: komencantoj, kristanoj, ekzameno, la 9a artikolo de la japana konstitucio (paca movado), santerapio, Azia agado, kaj vespere ĝis la 9a kaj duono kunsido por lokaj aktivuloj. En la salono estis librobutikoj, budoj de kelkaj Esperanto-societoj kaj sur la muro estis montritaj fotoj pri Francio kaj pacaj mesaĝoj kolektitaj okaze de la AK kaj la UK. Multaj homoj amasiĝis tie por babili, butikumi kaj amikiĝi.

La 10an okazis Inaŭguro kaj poste okazis kvin prelegoj: "Alphonse Mistler kaj lia epoko" fare de la ĉefdirektoro de Mezlernejo Kaisei, "Janagida Kunio en Ĝenevo" (Janagida estis estrarano de Japana Esperanto-Instituto kaj fama folkloristo antaŭ la dua mondmilito), du prelegoj memore al s-ro Ossaka Kenĵi (fondinto de JEI) fare de Ossaka-premiitoj, kaj "Gronlando" fare de Dieter Kleemann el Germanio, kaj paralele okazis kunsidoj de go-ludo, budhanoj, Esperanto-Domo de Yatugatake, blinduloj, nova lernomaterialo kaj Delegito de UEA kaj Pasporta Servo, koruso, Esperanto-kurso por civitanoj, koncerto, kaj vespere bankedo.

La 11an okazis prelegoj pri "Nagasaki kaj Esperanto" kaj "Budhana Esperanto-movado en Ĉinio" (s-ro Shi Yonggen el Ĉinio), kunsidoj por komencantoj, brajlo, SAT, venonta kongreso, paca movado, sciencistoj kaj medicinistoj, koruso, JEI kaj nova ekzameno. Posttagmeze okazis Fermo, en kiu la plej prestiĝa Ossaka-premio estis donita al ges-roj Oŝioka Taeko kaj Moritaka pro iliaj agadoj en kaj pri Hiroŝima, la dua premio de la literatura konkurso estis donita al s-roj Aida Kijoŝi kaj Hori Jasuo, kaj fine la verda standardo estis transdonita al s-ro Kaŭaniŝi Tecuroo, ĉeforganizanto de la venonta 98a Japana Kongreso, kiu okazos kune kun la 43a Korea Kongreso en oktobro proksime de Seulo. Post la kongreso okazis Postkongresa ekskurso kaj 27 homoj vojaĝis al la fama varmfontejo Unzen.

Pli da informo vi povas vidi en

http://esperanto.jp/jek10n/index.html

## Ossaka-Premio al ges-roj Oŝioka Taeko kaj Moritaka

Dum la Japana Kongreso la plej prestiĝa premio en la japana Esperanto-mondo Ossaka-premio estis donita al ges-roj Oŝioka. Iliaj meritoj por premiado estas jenaj:

1. En Hiroŝima ĉiun jaron la 8an de marto kunlaborantaj societoj okazigas kunvenon "Internacia Virina Tago de Unuiĝintaj Nacioj Hiroŝima". Dum la pasintaj 10 jaroj ges-roj Oŝioka, nome de la kunveno, sendas mesaĝojn de Hiroŝima al la mondo, kolektas solidarajn mesaĝojn pri virinaj rajtoj kaj abolo de nukleaj armiloj ktp, kaj ekspozicias tiujn en la kunveno kiel agado plenumebla nur de esperantistoj. Tra tiuj agadoj kunlaboraj kun aliaj civitanaj societoj, ili multe kontribuas al la agnoskigo de Esperanto inter la civitanoj
2. Ges-roj Oŝioka kontribuis al Esperanto-movado kaj paca movado, tradukinte libron "Vojaĝo al Hiroŝima" en Esperanton kaj disvastiginte senprecedencajn 3000 ekzemplerojn al la tuta mondo.
3. Ges-roj Oŝioka pligrandigis eblecon de Esperanto, akceptinte multajn eksterlandajn esperantistojn en Hiroŝima, mem farinte solidarajn, Esperantajn vizitojn al Francio, Tajvano, Koreio ktp, kaj helpinte al okazigoj de "Ekspozicio de Atombomboj"en Slovenio kaj Svislando.

## La 2a premio de literatura konkurso

Dum la Japana Kongreso oni donis la duan premion al s-roj Aida Kijoŝi kaj Hori Jasuo. Mankis la unua-premiito.

Aida tradukis fikcion "Virino de la lago" de Suzuki Miekiĉi kaj Hori verkis eseon "La lasta ligilo en nia familiaro".

## JEI partoprenis en Globa Festo

La 2an kaj la 3an de oktobro okazis Globa Festo en la parko Hibija en Tokio. Japana Esperanto-Instituto unuan fojon partoprenis en tiu evento, montrante diversajn Esperantaĵojn. En la laborejo s-ro Kimura Goroo Christoph parolis pri "En kiu lingvo oni kunlaboru

internacie?”. Multaj homoj vizitis la budon de JEI kun intereso. Ankaŭ en la venonta jaro JEI eble partoprenos en tiu evento.

## La 74-a Hokkajda Kongreso de Esperanto

La 74-a Hokkajda Kongreso de Esperanto okazis en Sapporo, la 2-3an de oktobro 2010. 20 japanoj (1 nominala), 2 koreoj kaj 2 francoj partoprenis en ĝi.

La 2an, sabate, okazis ĝenerala kunsido de Hokkajda Esperanto-Ligo, kaj poste okazis du raportoj. Ges-roj Kagaja Joŝiharu kaj Ikuko raportis pri sia mondvojaĝo. Ili estas komencantoj, sed kuraĝe efektivigis sian planon tra Barato, Jordanio, Egiptio, Hispanio, Britio kaj Svedio. Precipe en Hispanio ili ĝuis la intimecon je Esperantamikeco. S-ro Hoŝida Acuŝi raportis pri la 6a Azia Kongreso en Ulanbatoro, Mongolio, kaj pri Aŭtonoma Regiono de Interna Mongolio, kie li loĝis, kiam li estis knabo. Poste okazis bankedo en amikeca atmosfero.

La 3an, dimanĉe, s-ro MA Youngtae el Koreio vigle priparolis sian esperantistan historion. Kaj li gvidis nin je diversaj distraĵoj kaj kantadoj, per kiuj ni povis efike cerbumi en Esperanto. Lia edzino s-ino HWANG Ungsun alloge ludis korean tradician dancon.

Ges-roj SENECAL, normandoj en Francio, parolis pri sia esperantista historio; ekzemple, sperto ĉe esperantista kampado apud Bajkalo. Temoj de niaj interparoladoj etendiĝis ĝis edukada problemo kaŭzita de la registaroj.

# Rusio

## Informo el Soĉi

Jam la sesan fojon en la urbo Soĉi inter Kaŭkazo kaj la Nigra Maro en Azio okazos jam tradiciaj Tagoj de Internacia Lingvo Esperanto (TILE-6). Soĉi estas la ĉefurbo de Vintraj Olimpikoj 2014. Ankaŭ aziaj esperantistoj estas invitataj. Bv. aliĝi laŭ tiu ĉi ligilo: http://www.reu.ru/kalendaro/informletero/TILE-6/

Vladimir MININ <mininvl@yahoo.com>

# Koreio

## La alternativa lernejo



Nun troveblas kelkaj alternativaj lernejoj, kie la lernantoj en libera etoso lernas diversajn aferojn kaj gepatroj kaj instruistoj kunstudante gvidas siajn geknabojn. La alternativaj lernejoj estas iom aliaj ol la ordinaraj, kaj pro tio ili havas kunlaboran reton tutlande. La alternativa lernejo Onddeut (Ontut) havas kurson por Esperanto. Vi povas trovi ilin en www.Youtube.com per la serĉvorto 'printempo estas eta'. En la filmeto la geknaboj kantas en Esperanto pri la etaĵoj. La kanteton ili mem versis kaj komponis.

## Tutlanda Somera Kursaro

En la urbo Daejon, okazis la tutlanda somera kursaro. Korea Esperanto-Aspcio okazigas somere kaj vintre tutlandajn renkontiĝojn kun diversnivelaj klasoj. Lokaj gvidantoj rekomendas, ke komencontoj kaj novebakitoj povu kompreni unuvide la strukturon en 8 lernohoroj. Ĉi-foje 5 laŭnivelaj klasoj estis preparitaj. Aldone la partoprenintoj de la ĉi-jara UK klarigis siajn impresojn.

## La 2a Renkontiĝo de Yangpyong

La urbeto Yangpyong estas malgranda kaj kampara. La karaktero de la renkontiĝo estas libera, fleksebla kaj eĉ senplana. Malgraŭ la longa distanco, veturhoroj kaj pluvego ŝtorma, oni kun espero venis atendante neatenditajn ĝojojn.

Fabela prezidis kuiri novajn manĝaĵojn. Diana gvidis dancadon. Sub la gvido de Leono, ĝuante kanti, oni rakontis pri sia vivo kaj penso. Nema montris la novan instrumetodon kun komencantoj.

Onklo gvidis novulojn por ke ili povu ekuzi la Skajpon. En noktmezo ili ekstere festis kun rostitaĵo. Kaj kelkaj homoj kungitare daŭre babilis ĝis la mateno.

Plejparto de la programo ne estis planita, ĉiu venas por ĝui la ripozigan atmosferon kaj programeroj mem naskiĝis kaj senprobleme iris laŭ la Esperanto-amantoj.

PARK,Yongsung (Nema) <esabpark@korea.com>

## Lastatempa Korea Esperanto-Movado

**Ĝeneralaj aferoj**

1. Korea Esperanto-Asocio estas la landa asocio de Universala Esperanto-Asocio ekde la jaro 1976, kaj fondita la 31an de julio 1920.
2. Nombro de la membroj kun jarkotizo: ĉirkaŭ 250 (inkluzive 147 dumvivajn membrojn), krom filiaj membroj kaj interretaj membroj.

**Eldonado**

1. La Lanterno Azia, la oficiala organo de la asocio, eldoniĝis ankaŭ en la jaroj 2009 kaj 2010, ĉiu-monate krom julio-aŭgusta numero. La financon subtenas plejparte la reklamo sur ĝi.
2. La asocio eldonis kore-lingvan version de 'LEE Chong-yeong, gvidanto nia', kompilitan de KIM U-son en majo 2010.

**Organizado**

1. La asocio organizis la 41an Korean Kongreson de Esperanto, en Seulo la 24an-25an de oktobro 2009 kun 81 partoprenantoj inkluzive 5 nekoreajn, kaj organizos la 42an en Daegu, la 23an-24an de oktobro 2010.
2. La asocio organizis Vintran kaj Someran Tutlandajn Renkontiĝojn por Esperanto-lernado. Lastatempe en Daejeon en februaro 2010, kaj en la venontaj 14a-15a de aŭgusto.
3. La asocio organizis Tagon de Pioniroj en la 9a de majo 2009, en kiu oni memoris s-ron KIM Sam-su, kaj en majo 2010 oni

memoris s-ron LEE Chong-yeong.
4. La asocio renovigis sian oficejon per enĉambra rekonstruado en septembro 2010.
5. Korea Esperanto-Asocio kaj Japana Esperanto-Asocio organizos Komunan Esperanto-Kongreson en la 7a-9a de oktobro 2011, kaj en 2009 kaj 2010 kunlabore preparadas la kongreson.
6. Korea Esperanto-Junularo (KEJ) organizis kelkajn kursojn en 2009 kaj 2010, kaj partoprenis en la 28a Komuna Seminario en Nankino, Ĉinio, en la 26a-28a de decembro 2009.
7. Koreaj Esperantistoj partoprenis en la 94a UK en Pollando.
8. Seula Filio de KEA kunsidas en ĉiu 3a ĵaŭdo.
9. Busana Filio de KEA ĉiu-monate organizas lerno-kunsidojn de elementa kaj meza niveloj ĉiu-merkrede kun kutimaj gvidantoj BAK Yong-seung (Nema), JANG Jeong-ryeol, kaj aliaj. Ĝi eldonadas sian monatan bultenon 12-paĝan.
10. Daegua Filio de KEA vespere en ĉiuj mardo kaj vendredo kunsidas por Esperanto-lernado kaj eldonadas ĉiun monaton "Informilon el Taegu".
11. Incheona Filio de KEA ĉiu-monate en la tria ĵaŭdo kunsidas por lernado kaj diskutado.

**Kursoj kaj Disvastigoj de Esperanto**

1. La asocio organizis lernokunsidon vespere en ĉiu lundo en sia oficeja ĉambro fare de HO Song. Ankaŭ la filioj de la asocio, nome Seulo, Busan, Daegu, Incheon, Iksan, Daejeon, Yangpyeong, Suwon, Chuncheon ktp aktivas je kursado kaj disvastigado de Esperanto. Ankaŭ la universitataj Esperanto-rondoj tiel simile faras.
2. Universitatoj Dankook kaj Wonkwang kaj Hankook-Universitato de Fremdaj Studoj daŭrigas organizi Esperanto-kursojn kiel normalajn lecionojn. Tie instruas LEE Jung-kee kaj LEE Young-koo. La nombro de la lernantoj estas entute ĉirkaŭ 300.
3. En universitato Yonsei okazis Esperanto-kurso en printempa semestro de 2009 gvidate de HO Song, kaj tie KEJ organizis sian

someran renkontiĝon kaj someran kurson en la 21a-23a de aŭgusto 2009, gvidate de SONG Ho-yeong, JEONG Eun-gyeong kaj JANG Mi-hui.

4. Namkang-Esperanto-Lernejo (fondinto: BAK Wha-jong) organizadas landan kaj internacian lernokunvenojn en Cheongdo, interalie lastafoje en aprilo 2010.
5. Seula Esperanto-Kulturcentro (estro: LEE Jung-kee) ĉiu-monate daŭrigas organizi elementan (ĉiu-marde) kaj meznivelan (ĉiu-sabate) kursojn.
6. Esperantista Asocio de Ŭonbulismo (prezidanto: KIM Sang-ik) daŭrigas sian aktivadon kaj eldonas bultenon "La Cirklo". Ĝi organizis Internaciajn Meditadajn Kunsidojn en junio 2009 kaj organizos ankaŭ en 2010.
7. Mezlernejo Gil organizis oficialan lernadon de Esperanto en sia printempa semestro, invitinte HO Song.
8. Lernantoj de Hanguk-Lernejo de Sciencfakaj Elit-lernantoj en Busan organizis Studgrupon "Esperantistoj".
9. Busana Supera Mezlernejo Isabel daŭrigas la aktivadon de Esperanto (instruisto: BAK Jun-ho).
10. Incheona Virina Supera Mezlernejo Munil daŭrigas la aktivadon de Esperanto (instruisto: EUM Il-sik).

**Disvastigo per Interreto**

La asocio havas TTT-paĝaron en interreto kaj dank' al la aktivado de ĝiaj prizorgantoj kaj vizitantoj, tie oni povas aliĝi al la asocio kaj trovas informojn kaj lernilojn ktp interalie ankaŭ videokurson kaj aŭdkurson.

**Aliaj agadoj**

1. Espera Monto havas ĉiu-monatan surmontan kunsidon en ĉiu tria dimanĉo.
2. Rondo KTP organizadas distrajn kunsidojn ĉiujare.
3. Koreaj SAT-membroj havas kunsidon en ĉiu dua monato.

HO Song hosong53@hanmail.net

## La 6-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado

Esperantista Asocio de Ŭonbulismo okazigas enhavriĉan renkontiĝon kun diversaj programeroj, en kiu oni povas praktiki meditadon, fari komunan ekskurson al vizitindaj lokoj, sperti korean kulturon, ekkoni pri ŭonbulismo kaj tiel plu.

1. Kiam: la 9a de januaro 2011 (dimanĉo) – la 12a (merkredo) 3 noktoj kaj 4 tagoj
2. Kie: Trejnejo Bongdo en Seulo, Koreio (www.bongdo.co.kr)
3. Enhavo: meditado, meditado-gimnastiko, koreaj kulturo kaj tradicia ludo, Esperanto-prelegoj, ekskurso, amuzaj ludoj, bankedo kaj tiel plu
4. Kotizo: 30 eŭroj (programo, manĝado, loĝado, ekskurso, bankedo)
5. Nombro: 20 personoj ekster Koreio kaj 20 el Koreio
6. Oficiala lingvo: Esperanto
7. Aliĝlimdato: la 15-a de decembro 2010
8. Kontakto kaj aliĝo: LEE Jungkee (esperanto@saluton.net).

# Nepalo

## La 9a Internacia Himalaja Renkontiĝo

Nepala Esperanto-Asocio ĝoje anoncas la 11-tagan Internacian Himalajan Renkontiĝon 2011 por konigi sian landon al alilandaj esperantistoj. La 9-a Internacia Himalaja Renkontiĝo okazos ekde la 26a de februaro 2011 kaj daŭros ĝis la 8a de marto. NEspA jam anoncis kaj komencis la aranĝon. Pli da informo estas en http://www.esperanto.org.np/arangxoj/ihr9

Laŭtaga programo de la Internacia Himalaja Renkontiĝo:

26-a de februaro: Alveno kaj enhoteliĝo
27-a de februaro: Matena vizito al Bauddha, Paŝupati Nath, kaj posttagmeza al Patano
28-a de februaro: Vizito al Svajambhu kaj Bhaktapuro
1-a de marto: Piedvojaĝo de Sundarijal al Ĉisapani

2-a de marto: Piedvojaĝo de Ĉisapani al Nagarkot
3-a de marto: Piedvojaĝo de Nagarkot al Dhulikhel
4-a de marto: Piedvojaĝo de Dhulikhel al Namo Buddha kaj ĉirkaŭaĵoj; reveturo al Katmando
5-a de marto: Veturo al Lumbini kaj tranokto
6-a de marto: Tranokto en Lumbini
7-a de marto: Reveno al Katmando
8-a de marto: Ripozo kaj Internacia Vespero
9-a de marto: Forflugo

Vi pasigos la unuajn kaj lastajn tagojn de la Renkontiĝo en Katmando-valo, kie situas la ĉefurbo de Nepalo. Ĝian riĉan kulturan pasintecon atestas la tieaj historiaj distriktoj kaj monumentoj, notinde tiuj de la plej grandaj urboj, Katmando, Bhaktapuro kaj Patano. Tie vi povos vidi, kiel nevaroj kaj tamangoj, la originaj etnoj de la valo, restas fidelaj al siaj jarcentaj tradicioj malgraŭ multflanka moderniĝo de la valo. Ĉi-foje vi povos ekkoni la kulturon kaj vivmanieron de tiuj homoj.

**La ĉefa parto de la Renkontiĝo** estos vojaĝo (plejparte piedmarŝo) al la regiono je preskaŭ 20 kilometroj nordoriente kaj oriente de Katmando-valo. Dum la marŝado vi trapasos plurajn lokojn plenajn de vidindaĵoj, inkluzive Ĉisapani, Nagarkot, Dhulikhel kaj Namo Buddha. Ĉe la horizonto estos mondfamaj montirceloj de Nepalo, kreantaj majestajn vidojn de Himalajo.

**La piedvojo inter Sundariĵal kaj Ĉisapani** estas plejparte tra neloĝata arbara parto de Ŝivapuri Nacia Parko. La tereno estas kovrita de arbaro kaj punktita de diversaj sovaĝaj floroj inkluzive rododendron, la nacian floron de Nepalo. Vi ankaŭ ĝuos vidojn de nigraj simioj, cervoj, moskuloj ktp kaj diversajn speciojn (pli ol 250) de montaraj birdoj. Je la komenco vi povos observi la vivon kaj kulturon de etna popolo, la tamangoj, kiuj onidire venis de Tibeto, kaj ili estas konataj kiel senafekta kaj honesta popolo. Plejparte ili estas tradicie terkultivistoj kaj bredistoj. Ili havas

distingajn lingvon, domstilon, vestojn, ornamojn kaj kutimojn, kaj estas aparte famaj pro siaj ravaj dancoj kaj muziko. La plimulto da ili vivas sur altaj deklivoj sude aŭ okcidente de la riveroj Bhotekoshi kaj Triŝuli.

**Lumbini** estas la naskiĝloko de Budho. Fama kolono de Ashoka, Majadevi-templo, la lago, kie Budho naskiĝis, kaj ŝtono indikanta la precizan lokon, kie li naskiĝis, troviĝas ĉi tie konservitaj. Aliaj famaj najbaraj lokoj estas Kapilavastu, Ramgram kaj Niglihava.

**Kotizo**

La kotizo estas 650 usonaj dolaroj por unu persono. Ĝi validas por dulita ĉambro. Se vi deziras unulitan ĉambron (por la tagoj en Katmando), bv. aldoni 100 dolarojn al la menciita sumo. La kotizo inkluzivas manĝojn kaj loĝadon dum la tuta programperiodo. Bv. sendi la aliĝilon al Nepala Esperanto-Asocio kaj samtempe pagi la kotizon.

Nepala Esperanto-Asocio, G.P.O Box: 10518 Kathmandu, Nepalo
Retadresoj:<nespa_bharat@hotmail.com>
<pos.subedi@gmail.com> <luno1962@gmail.com>

# Indonezio

## 'Esperiga Suno' – Esperanto-klubo de Ĝakarto

Mi ĝoje anoncas, ke hieraŭvespere, la 3an de oktobro 2010, estis starigita Esperanto-klubo de Ĝakarto. Pro la forta pluvo venis ne multaj homoj, do ne jam ĉiuj postenoj estas okupitaj, ĉar ankaŭ ne ĉiuj ĉeestantaj volis alpreni postenon. Prezidanto estas Abdul Harris (voknomo Harris), vicprezidantino estas Edwina Roesmayanti (voknomo Acy) kaj sekretario estas Ilia Sumilfia Dewi (voknomo Ilia). Unu el la planoj, krom daŭra komuna studado, estas eldoni bultenon ĉiun trian monaton.

La klubo ricevis post multe da pensado kaj komuna serĉado, la nomon 'Esperiga Suno'. Almenaŭ por mi ĝi estas esperiga, ĉar ĝi estas la unua klubo en Indonezio starigita ĉi-jarcente, kaj espereble nur la unua de pluraj aŭ multaj aliaj.

Ĉeestis ankaŭ du ĵurnalistoj, kiuj laboras por japanaj gazetoj. Mi esperas, ke niaj japanaj samideanoj povos legi la artikolojn. Mi provos sciigi, kie kaj kiam ekzakte ili aperos.

Bonvolu legi en mia blogo por pli longa raporto pri mia instruvojaĝo:

https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/blogo.

Heidi Goes" <heidi.goes@gmail.com>

# Ĉinio

## La 4a Jarkunveno de Ĉinaj Esperanto-komercistoj




Inter la 18a kaj 19a de septembro okazis la 4a jarkunveno de Ĉinaj Esperanto-komercistoj en Huangshi, provinco Hubei.

Posttagmeze de la 18a de septembro Yu Ximei, vicprezidanto de klubo de ĉinaj E-komercistoj, prezidis la kunvenon, kaj la ĉeestantoj diskutis pri ekonomio kaj kapitala cirkulado en ĉina kaj eksterlanda esperantujoj kaj atingis komunajn konojn.

Matene de la 19a de septembro Zhao Chenghua, konstanta vicprezidanto de la klubo de Ĉinaj Esperanto-komercistoj, prezidis la kunvenon kaj oni faris:

1. Subskribis intencajn komercajn interkonsentojn Da Vinci Importa kaj Eksporta Kompanio, Brazilo kaj Shuilian-a Limigita Kompanio pri Matracoj, Suzhou; Mixueer-a Teknologia Kompanio, Xiamen kaj Butiko Bela Interkonsento, Huangshi; Xian-a Komerca

Kompanio Limigita, Xiamen kaj Zhiyuan-a Teknologia Entreprena Kompanio, Wuhan; Xian-a Komerca Kompanio Limigita, Xiamen kaj komerca sekcio de Guiyang-a E-asocio.
2. Ĉielismo, prezidanto de la klubo de Ĉinaj Esperanto-komercistoj, anoncis, ke la venonta jarkunveno de Ĉinaj E-komercistoj okazos en Ŝanhajo, 2011;
3. Ĉielismo faris resumon pri la atingoj de la Ĉinaj Esperanto-komercistoj en la pasinta jaro kaj anoncis listojn de novaj konstantaj komitatanoj kaj komitatanoj.

Posttagmeze la ĉeestantoj vizitis entreprenan bazon de esperantistoj kaj nacian minejan parkon, kaj vespere Huangshi-a Esperanto-Asocio bankede akceptis la ĉeestantojn.

Legu kelkajn fotojn alpenditajn en ĉi tiu mesaĝo! Kaj jen kopio de la raporto sur

http://esperanto.china.org.cn/novajhoj/2010-09/25/content_21001559.htm

Chielismo WANG Tiany <chielismo@yahoo.com.cn>

## Ivanka el Bulgario al Ĉinio

Invitite de ret-EPĈ, bulgara esperantistino Ivanka Kirĉeva Stojanova venis al Ĉinio kaj tie laboros kiel redaktoro por unu jaro.

Ivanka estis ŝtata oficistino en Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj en la regiono Varna kaj nun estas prezidanto de societo “Fervojisto”—Varna. Ŝi iam estis invitita labori kiel volontulo en La Chaux-de-Fonds, Svislando. En 2005, invitite de Bretona Esperanto-asocio de Francio, ŝi faris 5-semajnan prelegan rondvojaĝon en ĉirkaŭ 20 urboj en okcidenta parto de Francio. Ŝi gvidis multajn Esperanto-kursojn kaj aktivas en la movado. Ŝi jam atingis sian postenon en la 13-a de septembro 2010.

Zhu Mingyi <zhumingyi01@yahoo.com.cn>

## Jarkunveno de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio

La 21an de aŭgusto 2010 okazis 2010-Jarkunveno de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio en la urbo Dandong,

Liaoning-provinco, ĉe la landlimo inter Ĉinio kaj Nordkoreio. Partoprenis en la jarkunveno pli ol 30 esperantistoj el la urboj Beijing, Tianjin, Taiyuan, Meihekou, Huhehaote, Baotou, Guangzhou, Shenyang, Langfang, Dandong ktp. Inter la partoprenantoj estis la honora prezidanto de ĈFEA s-ro Li Sen, eksprezidantino de Ĉina Esperanto-Ligo s-ino Tan Xiuzhu, ĝenerala sekretario de Ĉina Esperanto-Ligo s-ro Yu Tao kaj iuj famaj veteranoj en Ĉinio, kiuj forte subtenas ĈFEA.




La prezidanto de ĈFEA s-ro Han Zuwu prezidis la jarkunvenon. En la kunveno vicprezidanto s-ro Xiao Ke prelegis pri la grandrapida fervojo en Ĉinio. La tekniko de la ĉina grandrapida fervojo antaŭeiras en la mondon. La motorvagonaroj "CRH" (Harmonio) kun la rapido 350 km/h estas grupe ĉinproduktitaj, kiuj bone funkcias sur la Beijing-Tianjin-a fervojlinio kaj Wuhan-Guangzhou-a linio.

S-ro Han Zuwu faris koncizan resumon pri la laboro de ĈFEA, raportis pri la 62-a IF-kongreso en Sofio de Bulgario per multmedia aparato. La raporto estis aplaŭdita de ĉiuj ĉeestantoj. Ankaŭ li vokis al la ĉinaj fervojistoj por lerni Esperanton pli diligente kaj uzi ĝin en la fervoja fako kaj aliaj flankoj. Krome, la fervojistoj diskutis pri la

ebleco gastigi la 66-an kongreson de IFEF en Ĉinio en 2014.

Estas menciinde, ke la 88-a naskiĝtago (la 29-a de aŭgusto laŭ la suna kalendaro) de s-ro Li Sen estis zorgita ne nur de fervojistoj, sed ankaŭ inter ĉiuj esperantistoj en Ĉinio. En la kunveno oni gratulis al s-ro Li Sen pere de artikoloj, noveldonita libro kaj gratulkartoj, dezirante al li feliĉon kaj longvivon. S-ro Li Sen diris, ke li dankis ĉiujn pro la gratuloj, daŭrigos sian laboron en la Esperanto-movado kaj dediĉos la tutan vivon al la Esperanto-movado.

Han Zuwu <hanzuwu@hotmail.com>

## La 6-a Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio

De la 20-a ĝis la 22-a de aŭgusto 2010 en la plej granda landlima urbo Dandong (najbare al la norda Koreio), en Liaodong-a Universitato, okazis la 6-a Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio (EKNOIMĈ), kun temo "Instruado kaj Aplikado de Esperanto".

La vetero estis pli malbona ol antaŭsupozo, de la 1-a horo en la 19-a ĝis la 14-a horo en la 21-a de aŭgusto cikle falis torenta pluvo. Ĝi kaŭzis grandegan inundon en la kamparo ĉirkaŭ la urbo. Malgraŭ tio la kongreson ĉeestis 155 partoprenantoj el 11 provincoj, 3 municipoj kaj 1 aŭtonoma regiono kaj el la suda Koreio, Japanio kaj Usono.

La kongreso malfermiĝis per bonvenaj vortoj de s-ro Zhang Wei, honora prezidanto de la kongreso kaj Liaoning-a provinca Esperanto-Asocio (LEA) kaj vic-estro de Liaoning-a Universitato. Sekvis la paroladoj de s-ro Zhao Jianping, vic-prezidanto de Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL) kaj estro de la Esperanto-sekcio de Ĉina Radio Internacia, s-ino Tan Xiuzhu, prezidantino de la Kontrola Komisiono de ĈEL, s-ro Yang Luping, konstanta vic-prezidanto de Liaoning-a Federacio de Socisciencaj Asocioj, Lü Jichen, vic-estro de Liaodong-a Universitato, s-ro Sasaki Teruhiro, prezidanto de KAEM, s-ro Hori Jasuo, honora prezidanto de KAEM, kaj s-ro

Ronald Glossop, eksa vic-prezidanto de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, s-ro Yu Tao, vic-prezidanto de ĈEL.

Aŭskultinte la laborraporton de s-ro Liu Zhengkun, prezidanto de la kongreso kaj LEA, la kongresanoj bone sciis progreson je tri flankoj: informado, edukado kaj utiligo, precipe edukado, 8 universitatoj en tiu regiono enkondukis Esperanton kiel nedevigan studobjekton en la pasintaj du jaroj, kaj entute 3400 studentoj elektis ĝin.




Riĉaj enhavoj plenigas la kongreson. En 5 kunsidoj pri edukado de Esperanto, tradiciaj kulturoj, ĝemelaj urboj, fervojistoj kaj junularo oni sufiĉe ĝuis prelegojn prezentitajn de 12 samideanoj, inkluzive Jiao Xiyang, Hori Jasuo, Song Ping, Gong Xiaofeng, Ronald Glossop, Wu Guojiang, Peng Zhengming, Li Shijun, Sasaki Teruhiro, Zhang Jiping kaj Han Zuwu. El tio venis kelkaj fruktoj.

La kongresanoj, precipe studentoj, pli bone sciis gravecon de Esperanto kaj esprimis, ke ili daŭre instruos, lernos kaj disvastigos Esperanton. La veterenaj esperantistoj, ekz. Liu Fengyi, Zhu Mingyi, Liu Junfang, Zou Guoxiang, Shi Chengtai, Hou Zhiping ktp donis multjarajn spertojn al junaj esperantistoj. Naskiĝis la rezolucio de la kongreso. Ĝi substrekis, ke instruado kaj aplikado de Esperanto estas la eterna ĉeftemo de la Esperanto-movado, agnoskis valoron kaj rolon de Esperanto en la agado Ĝemelaj Urboj, alvokis fortigon de internacia interfluo je organizaĵoj kaj personoj koncerne edukadon, kulturon kaj akademion, serioze atentigis homojn pri

graveco de kulturado de junaj esperantistoj.

Viglaj vizaĝoj junigas la kongreson. Oni vidis kelkdekon da studentoj aktivaj en la kongreso. Ili venis el kelkaj universitatoj kiuj enkondukis Esperanton. Ili kontribuis al voĉlegado de la gratulaj mesaĝoj, prezentado en Interkona Vespero, deklaro de la rezolucio ktp. Iliaj agadoj kortuŝis la kongresanojn.

Ĉe la malferma ceremonio la estroj de Jilin-provinca Esperanto-Instituto transprenis la kongresan standardon, kaj deklaris, ke la 7-a EKNOIMĈ okazos en 2012 en Changchun.

Wu Guojiang ghemelurboj@yahoo.com.cn

## Francaj Esperantistoj dum Nacia Festo

Laŭ aranĝo de Hubei-Esperanto-Asocio dum nia "Nacia Festo", la 5an-6an de oktobro ni akceptis amikecajn vizitadojn de francaj esperantistoj ge-Michel.



Ding Ji el la urbo Wuhan <dingjiws@yahoo.com>

### Esperantaj Aktivecoj en Kantono

La 17-an de julio 2010, la aktivecoj por memorfesti la 123-an datrevenon de la unua libro de Esperanto kaj raporti pri la 6-a Azia Kongreso de Esperanto okazis en la ĉina urbo Kantono. La kunveno komenciĝis per la himno "La Espero". S-ro Petro Ye prezidis la kunvenon. S-ro Saŭkio Zhang donis la paroladon pri la grava signifo de la unua libro de Esperanto. S-ro Lin Liyuan raportis pri la grandiozeco de la 6-a Azia Kongreso de Esperanto, la Unua Stepa Esperanta Kultura Festo (Baotou) kaj la aktiveco por celebri la 88-jaran naskiĝtagon de la estimata veterana esperantisto Li Sen. Post la tagmanĝo, iuj samideanoj iris viziti s-ron Dong Shiyang, kiu estis la eksprezidanto de nia Esperanto-Asocio kaj ankaŭ tre maljuna eksruĝarmeano.

## Tajvano

### Oktobra Kunveno de Pingdong-a Esperantistoj

La oktobra kunveno de Pingdong-a Esperantistoj okazis posttagmeze la 9an de oktobro ĉe Kafejo "Bluo kaj Ruĝo". Ĉeestis 10 esperantistoj. Inter ili estis hispana esperantisto Jorge Camacho kiel nia honora gasto. Li, 45-jara esperantisto de Hispanujo, estas la ĉef-redaktoro de Esperanta gazeto "Beletra Almanako" kaj antaŭa membro de Esperanto-Akademio. Li vojaĝis al Tajvano kun sia tajvana edzino kaj intencis resti en Pingdong unu semajnon por la familiaj aferoj de sia edzino.

Kevin Shih estas la estro de Tanej-Piedmasaĝokliniko en Pingdong, kaj Rico estas unu el la masaĝistoj de la kliniko. Ambaŭ lernas Esperanton ĉe Reza kaj faras rapidan progreson en parolado de Esperanto. Fakte kvar masaĝistoj en la masaĝkliniko diligente lernas Esperanton kuraĝigitaj de la estro Kevin.

Kevin raportis la preparadon por la fondigo de Tajvana Esperanto-Asocio. Por esti rekonita de la registaro, la asocio devas prezenti la asocioregularon kaj montri, ke ĝi havas minimume 30

membrojn.

Reza diris, ke en Pingrong-a Mezaltlernejo aliĝis kadre de eksterkursa programo 36 lernantoj al la kurso de Esperanto. Pli ol duono de la aliĝintoj lernas en la fako de japanalingvo.

Abengo raportis, ke la enhavo de sia Esperanto-Ĉina Vortaro jam kreskas al 320 paĝoj kaj li daŭrigas la kompiladon de vortaro laŭ PIV 2005 diligente. Li menciis, ke profesoro Wang Jiu-kwei, la lerta esperantisto en Chungli, tradukas multe da ĉinaj artikoloj Esperanten kaj metas siajn verkojn sur la listo de Yahoo Grupo "Tajvanaj Esperantistoj".

Ingrid diris, ke ŝi antaŭ ne longe vojaĝis en Xiamen de Ĉinio kaj dum sia restado tie ŝi renkontĝis kun lokaj esperantistoj, inter ili la komercistino Fabina, kiu en la pasinta jaro jam vizitis Pingdong kaj ĉeestis nian monatan kunvenon.

La pingdong-a monata kunveno okazadas stabile jam dum multe da jaroj. Nun la tempo por fondi la rekonitan Esperanto-Asocion estas matura. Oni divenas, ke la Esperanto-movado en Tajvano antaŭen iros.

Cho Chaoming <cmcho@so-net.net.tw>

.

# Uzbekio

## Letervesperu en 2750-jara Samarkando

Okaze de la Tago de la urbo Samarkando la 14-an de oktobro 2010 la Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro kunlabore kun la urba departamento pri kulturo kaj la regiona filio de la Unuiĝo de Verkistoj de Uzbekio organizis la publikan poezian vesperon "Samarkando - Muzo de Poetoj" kaj la konkurson pri la plej bona poemo pri Samarkando.

Kadre de la evento okazis ankaŭ la internacia letervespero prizorgata de lokaj esperantistoj. Ni prezentis mesaĝojn el eksterlando dum la vespero kaj publikigis en nialanda gazetaro.

Anatoli Ionesov <imps86@yahoo.com>

## Vjetnamio

### Bilanco de la unua duonjaro de 2010

Ekde la komenco de la jaro, alvenis ĝojiga kaj grava novaĵo: La Estraro de UEA, en sia plena kunsido de la 10a ĝis la 12a de januaro 2010, decidis rezervi al Hanojo, ĉefurbo de Vjetnamio, la rajton gastigi UK 97 en 2012. Tuj post ricevo de konfirma oficiala letero datita je la 23a de februaro de s-ro Osmo Buller, Ĝenerala Direktoro de Centra Oficejo de UEA, VEA sendis leteron al la tutlanda esperantistaro por anonci tiun novaĵon.

Okazigi UK-on en Vjetnamio - la revo kaj aspiro de sinsekvaj generacioj de vjetnamaj esperantistoj - estos granda evento en la sfero de popola diplomatio de la jaro 2012: UK 97 estas ne nur afero de VEA, sed ankaŭ tiu de la tuta lando.

Pro tio, ni jam starigis ĝeneralan agadplanon de 2010 ĝis fine de 2012, farante po unu bilanco ĉiu-duonjare. Tiu raporto estas la unua bilanco.

**1. Informado**

La dulingva ttt-paĝo de VEA pliboniĝas, plibeliĝas kun pli riĉa enhavo. La papera versio aperas regule po unu numero ĉiutrimestre kaj estas disdonita senpage al ĉiuj membroj. Ni kontribuis al Esperanta Vikipedio per 2 artikoloj: “La rakonto pri Kieŭ” kaj “Tagkajero de Dang Thuy Tram”.

**2. Trejnado**

La kursoj je A2- kaj B1-niveloj regule funkcias en Hanojo kaj Ho Chi Minh Urbo.

**3. Junularo**

VEA komisias unu el siaj gvidantoj por rekte gvidi la junularan movadon. Konkrete, preparoj estas faritaj por gastigi la 29an Komunan Seminarion (KS 29) de junaj esperantistoj el Japanio, Koreio, Ĉinio kaj Vjetnamio, decembre de tiu ĉi jaro. Tiu aranĝo estas konsiderita kiel ekzercado por UK 97.

**4. Eldonado, Vortaro**

La tradukado, redaktado, lingva reviziado de la Esperanta versio de "Tagkajero de Dang Thuy Tram" estas plenumita. La lasta fazo, tiu de lingva reviziado, estis farita de internaciaj esperantistoj el Belgio kaj Aŭstralio. Ni estas serĉantaj financan subvencion por ĝia eldonado fine de 2011.

Vjetnama Novaĵagentejo (VNA) jam sciigis sian principan konsenton starigi la Esperantan version de sia ttt-ejo "Vjetnamio Ilustrita" kiel la okan version de tiu internacia retpaĝo. VEA estas preparanta subskribi kontrakton por tiu partopreno.

Internacia grupo de esperantistoj-poemistoj sub gvidado de s-ro Renato Corsetti, estas poluranta la Esperantan version de "Rakonto pri Kieŭ" (klasika poema epopeo de Nguyen Du, fama vjetnama verkisto de la 18a jarcento) fare de s-ro Le Cao Phan. Ni intencas publikigi ĝin okaze de UK 97.

Ni estas kunlaborantaj kun la grupo "La bona lingvo – subgrupo Azia terminaro", precipe pri esperantigo de dekoj da vjetnamaj vortoj.

**5. Kreado de Provizora Komitato por UK.**

Sciante, ke UEA-Estraro estas nun okupita pri UK 95 en Havano, ni ne atendas la unuan kontakton kun Kongresa Komisiono de UEA por starigi la preparadon. Provizora Komitato por la UK konsistas el membroj de Plenumkomitato de VEA, respondecaj pri diversaj aspektoj de enlanda UK-preparado kiel turismo, dokumentoj, provizumado, financo, ceremoniado, arto. Ĉiu fako faros sian detalan planon por la Kongreso. Tiu Provizora Komitato fariĝos LKK, kiam ni oficiale subskribos kontrakton kun UEA.

La Permanenta Komitato de VEA ricevis multajn individuajn aŭ kolektivajn sugestojn kaj proponojn por la organizado de la UK. Ĝi jam respondis al ĉiuj kaj bonvenigas aliajn sugestojn kaj proponojn.

**6. Emblemo de VEA.**

Ĝis nun VEA havas sian emblemon, sed ĝi estas ankoraŭ ne jure

validigita. Ni estas kompilantaj dosieron por ĝia validigo.

**7. Orientigo por la dua duonjaro de 2010**

Tuj post UK 95 en Havano, ni oficiale petos UEA-n doni siajn konkretajn instrukciojn por UK 97: subskribi kontrakton kaj starigi LKK-n.

## La Provizora UK-Komitato fariĝos LKK

Komenci realigi la planon kiel proponite de la fakoj kaj aprobite de VEA kaj UEA.

Kunvoki gazetarankonferencon por anonci la venontan UK-n en Hanojo.

1. **Informado**: Kontribui al Esperanta Vikipedio per pliaj artikoloj pri Vjetnamio.
2. **Trejnado**: Bonvenigi s-ron Aŭgusto Casquero kaj malfermi diversnivelajn kursojn, organizi ekzamenon je A2- kaj B1-niveloj.
3. **Emblemo de UK 97**: Organizi konkurson por krei emblemon de UK 97. Post la akcepto de UEA, ĝi fariĝos oficiala emblemo aperanta en ĉiuj dokumentoj rilataj al UK 97.
4. **Plantado de memorarbo**: Kontakti la respondecajn instancojn por Plantado de memorarbo kaj starigo de memorŝildo okaze de UK 97 en onta Parko de Amikeco.
5. **Emisiado de poŝtmarkoj okaze de UK 97:** Fari la unuajn kontaktojn kun Ministrejo de Poŝto kaj Telekomunikado pri emisio de poŝtmarkoj.
6. **Kontakto kun The Gioi Eldonejo**, la ŝtata fremdlingva eldonejo pri ebleco eldoni librojn en Esperanto, samkiel la 1960-1980a periodo.
7. **Ekfunkciado de la Esperanta versio de la reta revuo "Vjetnamio Ilustrita"** de Vjetnama Novaĵagentejo kun partopreno de membroj de VEA.

Nguyen Xuan Thu <autuno32@gmail.com>

# Israelo

## Somerfina Kunveno de la Tel-avivaj Esperantistoj

La tradicia somerfina kunveno de la tel-avivaj esperantistoj okazis la 31an de aŭgusto en "Kafe-Kafe". Tamen partoprenis esperantistoj de la tuta lando - de Haifo en la nordo ĝis Beer Sheba en la sudo -, entute estis rekorda nombro de preskaŭ 40 partoprenoj. Oni multe babilis, bonguste manĝis kaj spektis bildojn de Kubo, aparte de la IJK (pri la UK okazos venontsemajne en la unua post-feria klubvespero).

Post la kunveno okazis vizito al la nova tel-aviva "Kafejo Esperanto", kiu situas en la strato Zamenhof. Estis tre agrable - kaj klimate kaj etose. 9 esperantistoj restis pluajn du horojn (inkluzive la antaŭan programon temis do pri 5-hora Esperanto-vespero). La juna kaj entuziasma posedanto estas tre simpatia kaj kunlaborema. Granda portreto de Zamenhof aperas kaj sur la muro, kaj malgranda sur la menuo. Gabi jam proponis esperantigi la menuon, ĉar nuntempe ĝi estas nur hebrelingva. Oni plue levis la ideon "adopti" la kafejon kaj fojfoje kunveni tie post la klubkunveno.

Amri Wandel <amri@huji.ac.il>

# Irano

## La 4-a Mezorienta Kunveno

Bonvenon al la kvara Mezorienta Kunveno "Esperanto sur la Silka Vojo". La komisiono de UEA pri la meza Oriento kaj norda Afriko (MONA) kore invitas vin al la kvara Mezorienta Kunveno, organizata de ĝi, kiu okazos en Karaĝo, Irano, inter la 25-a (vendrede vespere) kaj la 29-a (marde vespere) de marto 2011!

Tiu ĉi evento estigas maloftan eblecon renkonti samideanojn el diversaj landoj en la meza Oriento, interkonatiĝi, pridiskuti gravajn kaj interesajn temojn kaj ankaŭ iomete turismi en tiu ege bonveniga lando. Dezirantoj ekskursi al vizitindaĵoj povos fari tion kune antaŭ aŭ post la kunveno. Vidu pli da informo en:
http://www.arabujo.org/mk/2011/starto.php?l=eo .

# Leteroj

## Rusio

Mi estas Eŭgeno, 42-jaraĝa, kaj havas 17-jaran filon. Mi loĝas en malgranda Far-Orienta Rusa urbo – en Birobidĵano, kiu troviĝas apud Ĉinio. Mi loĝas en ĉefurbo de Hebrea aŭtonoma regiono (EAO - per la rusa lingvo) de Rusio. Mi estas sola, kiu lernas Esperanton ĉi tie kaj antaŭnelonge mi vizitis Vladivostokon, kie mi renkontiĝis kun Aleksandro Titaev. Aleksandro estas reprezentanto de REU (Rusia Esperanto-Unio) en Far-Orienta Rusio. Li donis al mi vian revuon "Esperanto en Azio" kaj mi volus ricevi ĝin. Ĉu vi povas sendadi al mi vian revuon per poŝto aŭ per reto? Mia poŝta adreso (per la angla): Russio, 679014, Birobidgan, p/o 14, a/j 38. Bojchin Evgenij. Mia reta adreso: georgeword@mail.ru

## Nepalo

Archana Joshi <archana_esperanto@hotmail.com>

Mi ankoraŭ memoras kurson de Esperanto en Dilibazaro, kiu okazis antaŭ kvin jaroj en 2005. Mia onklino foje parolis pri Esperanto kaj kiam ŝi babilis kun samideanoj, mi interesiĝis sed pensis, ke ĝi estas malfacila. Mi ĉiam pensis, ke mi ne povos lerni ĝin. Tamen mi eklernis iomete kun ŝi kaj poste partoprenis en la kurso de s-ro Bharat en Dilibazaro. Mi facile lernis la lingvon kaj poste mi laboris kiel volontulino por du jaroj en Esperanto-domo en Thamelo, Katmando. Dum mia laborperiodo, mi lernis la lingvon pli kaj havis ŝancon interkonatiĝi kun esperantistoj de la tuta mondo.

Ah, tio estis ege feliĉa kaj ĝuinda tempo por mi, ĉar mi povis pli bonigi mian lingvon, parolante kun samideanoj kaj ankaŭ havante ŝancon amikiĝi kun geamikoj de diversaj landoj. Mi havis ŝancon esplori lingvojn, kulturojn, disciplinojn, ideojn ktp per Esperanto. En tiu tempo mi sentis min kvazaŭ mi apartenus al malsama societo. Post kiam mi lernis la lingvon, mi sentis, ke mia pensmaniero estis ŝanĝita diversmaniere. Mi partoprenis en diversaj, fremdlandaj programoj en Japanio, Ĉinio, Vjetnamio kaj Barato. Mi povis

amikiĝi kun multaj fremdlandaj geamikoj kaj interŝanĝis ideojn. Mi pensis, ke por labori por la movado mi ne devas esti perfekta en la lingvo. Tio ankaŭ kuraĝigis min por plu labori por la movado.

En Japanio mi povis sperti la vivon de japanoj proksime. Mi estis invitita kiel gasto en la 94a Japana Kongreso. Mi devas elkore danki al japanaj esperantistoj, precipe al s-ro Hori Jasuo, kiu invitis min. Mi ne nur lernis, kiel ili respektas vivantajn homojn, sed ankaŭ spertis, kiom multe ili respektas mortintojn. Mi estis iom nervoza, ĉar mi estis en la nova loko kun novaj geamikoj, sed ili zorgis min kvazaŭ mi apartenus al la sama familio. Mi neniam sentis min sola kaj fremda tie. Tiam mi sentis, ke ĉiuj esperantistoj estas en unu familio kaj ĉiam helpas unu la alian ne nur por gastigi, sed ankaŭ por lerni, paroli, vojaĝi ktp. Japanaj samideanoj multege helpis min por la turismado en diversaj urboj. Se mi ne eklernus Esperanton, mi ne havus tiun ŝancon. Mi elkore dankas kaj respektas nian lingvon. Poste, mi partoprenis en Internacia Junulara Kongreso en Vjetnamio. Ni, nepalanoj, iris tra Ĉinio. Esperantistoj en Ĉendu kaj Kunming bonvenigis nin, kvazaŭ ni estus diplomataj homoj. Ili invitis nin manĝi kaj ni povis lerni ilian vivmanieron proksime.

Nun mi sentas, ke mia vivo estus ne kompleta sen Esperanto. Esperanto ne estas nur lingvo sed ĝi estas la vojo por kunigi homojn de la tuta mondo. Kiam homoj de diversaj fakoj interŝanĝas ideojn, ili tiam reproduktas novan kreaĵon, kiu faciligos la vivon. Per Esperanto oni povas helpi unu la alian en diversaj aferoj. Tiam ne estos la lingva problemo inter homoj. Tamen estas multaj homoj, kiuj ankoraŭ ne scias pri Esperanto, ĝia utileco kaj eĉ ĝia ekzisto kaj ne povas ŝanĝi la vivmanieron. Ĉiuj volas esti feliĉaj sed ne scias kiel akiri ĝin. Por ili, ĉiuj esperantistoj unuiĝinte devas labori pli.

## Nepalo

Navin Navin Shrestha <skribu_navin@yahoo.com>

Kiam mi rekomendis iun eŭropanon partopreni en Internacia Himalaja Renkontiĝo antaŭ 7 jaroj, li ne kredis, ke tio vere okazos, kaj demandis s-ron Hori el Japanio, hazarde apuda, kiu respondis:

“Jes, mi partoprenos”, kaj fakte partoprenis kun multaj japanaj geamikoj. Mi tiam diris, ke sen s-ro Hori ne okazos Internacia Himalaja Renkontiĝo. Li ridis multe.

Vere s-ro Hori partoprenis en preskaŭ ĉiuj Internaciaj Himalajaj Renkontiĝoj. Mi kaj Nepala Esperanto-Asocio (NEspA) tre, tre multe dankas lin. Li kaj aliaj japanaj esperantistoj multe partoprenis en la renkontiĝoj kaj en la kvara Azia Kongreso en Katmando.

Ankaŭ en 2011 okazos Internacia Himalaja Renkontiĝo, kaj mi esperas, ke multaj esperantistoj partoprenos.

## Rezulto de la Septembra *Sumoo*

*Sumoo* estas japana tradicia sporto. Dum la jaro okazas 6 konkursoj kun 15 tagoj. Paralele kun tiu *sumoo*-konkurso mi jam organizis 6 konkursojn de Esperanto-*sumoo*. Por la konkurso partoprenantoj decidas, kiom da paĝoj de Esperanto-libro ili legas ĉiun tagon. Kiam ili sukcesas legi tiun kvanton, ili ricevas unu venkon, kiam ne, unu malvenkon. Tiamaniere ili daŭrigas la luktadon dum 15 tagoj. La celo de tiu *sumoo* estas, ke esperantistoj havu kutimon kaj ĝojon legi Esperantan libron kaj altigu sian nivelon.

La septembra *sumoo*-konkurso okazis de la 12a de septembro ĝis la 26a, kaj 41 homoj partoprenis. Laŭlande ili estis 26 japanoj, 4 francoj, 2 germanoj, 2 ĉinoj kaj 2 poloj kaj 1 serbo, 1 mongolo, 1 tajvanano, 1 finno kaj 1 iranano. 23 luktistoj venkis 15 venkojn, 6 luktistoj 14, 3 luktistoj 13 ktp. Diligentaj luktistoj sentas sin tre kontentaj, ĉar ili plenumis sian promeson, leginte multajn paĝojn kun granda ĝojo.

Novembra *Sumoo* komenciĝos de la 14a de novembro (dimanĉo) ĝis la 28a (dimanĉo). Se vi havas intereson pri tiu Esperanto-*sumoo*, turnu vin al Hori Jasuo

<hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

# === Esperanto-eventoj 2010-2011 ===

## Azio

### 2010

12.18 ~ 20 / La 29-a Komuna Seminario (KS) / Hanojo, Vjetnamio

### 2011

1.9 ~ 12 / La 6-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado / Seulo, Koreio

2.26 ~ 3.8 / La 9a Internacia Himalaja Renkontiĝo / Katmando, Nepalo

3.25 ~ 29 / La 4a Mezorienta Kunveno / Karaĝo, Irano

5.28 ~ 29 / La 85a Kjuuŝuu-Esperanto-Kongreso / Fukuoka, Japanio

6.18 ~ 19 / La 59a Kansaja Esperanto-Kongreso / Koobe, Japanio

6. (ne fiksita) / La 60a Kantoo-Esperanto-Kongreso / Tokio, Japanio

8.12 ~ 15 / ILEI-seminario inter Ĉinio, Japanio kaj Koreio / Taiyuan, Ĉinio

10.7 ~ 9 / Komuna Kongreso de Esperanto inter Koreio kaj Japanio aŭ inter Japanio kaj Koreio / Seongnam proksime de Seulo, Koreio

*Samloke kaj samperiode okazos La 43a Korea Kongreso de Esperanto kaj La 98a Japana Esperanto-Kongreso.

### 2012

Somere / La 97a Universala Esperanto-Kongreso / Hanojo, Vjetnamio

Somere / La 7-a Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio / Changchun, Ĉinio

Oktobre / La 99a Japana Esperanto-Kongreso / Hokajdo, Japanio

Oktobre / La 44a Korea Esperanto-Kongreso / Koreio

### Ĉefaj Aranĝoj en la Mondo

2011.1. 29 ~ 31 / Nov-Zelanda Nacia Kongreso / Wellington

2011. 7.9 ~ 17 / Aŭstralia Esperanto-Kongreso / Adelaide

2011.7. 23 ~ 30 / La 96a UK / Kopenhago, Danlando

## Paĝoj de KAEM

### Aktivuloj, membriĝu al UEA subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financa kialo, tamen certe vi volas esti membroj de UEA. Do sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas diligentaj esperantistoj, ĝi aligas vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare. Jam vi ne estos izolitaj esperantistoj, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝ-maniero**

1. Skribu jenajn du aferojn.
   1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.
   2) Viaj agadoj por la movado en 2010 kaj planoj en 2011.
2. Sendu ĝin poŝte al KAEM: p/a Japana Esperanto-Instituto (JEI)
   Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
   Aŭ sendu rete al s-ro Sasaki Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
3. Limdato: la 20a de decembro 2010.

**Notoj:**

1) **Skribu klare vian nomon kaj adreson en Esperanto!!!**
2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.
3) Skribu "Projekto C" sur la koverto.

**Peto al riĉaj ĉinoj**

Riĉaj ĉinaj esperantistoj ne aliĝu al tiu ĉi senpaga servo, sed mem membriĝu al UEA kaj se eblas, donacu 5 eŭrojn al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio".

* En 2010 estis akceptitaj 154 homoj: Afganio 1, Azerbajĝano 1, Bangladeŝo 1, Barato 5, Ĉinio 43, Filipinoj 3, Indonezio 11, Kamboĝo 1, Laoso 1, Mongolio 5, Nepalo 9, Pakistano 22, Srilanko

5, Tajlando 1, Turkio 1, Uzbekio 1, Vjetnamio 43
*Por 2011 ni atendas petojn precipe el Irano, Barato, Kazaĥio kaj sendependiĝintaj landoj en eksa Sovetunio.

**KAEM-anoj**

1. Koreio: s-ro PARK Yong-sung <esabpark@korea.com>
2. Vjetnamio: s-ro Hoang Ngoc Boi
   <amarateo@gmail.com> <boihn.gm@vietsov.com.vn>
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj@tom.com>
4. Barato: s-ro Ranganayakulu <ranganayakulu@gmail.com>
5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
6. Pakistano: s-ro Muhammad Zubair <zurnab_pk@yahoo.co.in>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
8. Nepalo: s-ro Mukunda Raj Pathik <mpathik@gmail.com>
9. Taĝikio: s-ro Fajzullaev Ĝamŝid <fajzullaev@yandex.ru>
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>
11. Mongolio : S-ro Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

**Kunlaborantoj de KAEM**

Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado de "Esperanto en Azio")
s-ino TAHIRA Masako (provlego)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)

---

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0822 Gunma-ken Maebasi-si Simosinden 10-27